devas koni la bezonon, inviti la instituciojn, fari al ili proponojn, konsili ilin, eventuale mem prilabori ion laŭ alia modelo, havigi la kostojn, povas proponi presadon por aldono al organo, sugesti distribuon. Por ĉio ĉi necesas trovi okazojn, ekscii pri jam ekzistantaj presaĵoj ktp. ktp. Preparo devas okazi tre serioze kaj bonforme, ĉar alie mankos sukceso. Tre utila estas kombino kun vojaĝoj aŭ libertempa restado. Turismaj institucioj tiam interesiĝas pli facile. Sro. Karsch atentigas pri tiaspeca provo en Lazne Bélohrad (Ĉeĥoslovakio atentigas pri tiaspeca provo en Lazné Bélohrad (Ĉeĥoslovakio), kie sin anoncis 35 personoj por pasi la libertempon. Li tre rekomendas turnu sian atenton al tiu ĉi kampo kaj kunlabori en tiu ĉi klopodo, kiu havas grandan signifon por la enkonduko de Esperanto.

En la posta diskuto partoprenas *sro. Morariu, sro. Karsch, sro. Schoofs* kaj *Dro. Pillik*, plue *sro. Brauer-Tallinn*, kiu atentigas pri la fondo de Esperantista Turisma Komisiono.

*Sro. Karsch* ankoraŭ aldonas, ke tiaj reklamiloj ne bezonas esti presataj pere de UEA kaj ankaŭ *sro. Ŝapiro* akcentas, ke presado kompreneble povas okazi en la koncerna lando. UEA nur klopodas akceli kaj laŭpove unuformigi ĉion.

Post la 3 paroladoj, kiuj trovis seriozan atenton, sekvas kortuŝa momento. Laŭ invito. F-ino Lidja Zamenhof aŭdigas per gramofono la voĉon de nia majstro Dro. Zamenhof. La disko estas reproduktita laŭ malnova fonografa cilindro, kiun posedis sro. Alfonso Sabadell-Barcelono kaj kiun li gardis kiel relikvon. La reproduktaĵo, kiu renkontis grandajn teknikajn malfacilaĵojn, efektiviĝis post interveno de ICK kaj dank' al modela klopodo de la Kataluna Esp. Federacio kaj unuavice de ĝia eksprezidanto sro. J. Gili-Norta

La disaŭdigo kaŭzis multan emocion, spite al tio, ke la. reprodukto estas sufiĉe mankhava.

*Sro. Schoofs* proponas dankesprimon de la Kongreso al sro. A. Sabadell kaj al la Kataluna Federacio pro konservigo de tiu ĉi relikvo.

La propono estas akceptata per spontanea aplaŭdo.

*Sro. Gelfand-Varsovio* duan fojon komencas paroli pri projekto de son-filmo en Esperanto, fondo de kooperativo por tio kaj la kondiĉoj plenumataj. Pro tio, ke la oratoro ne povas adaptiĝi al la parol-daŭro, la temo estas remetata al la proksima kunsido.

*Sro. Merchant* fermas la kunsidon kun danko al ĉiuj.

Fino : 11,55 h.

---

**3a LABORKUNSIDO**
**la 7 Aŭgusto 1931 en la Festsalono de la Katolika Domo.**

Komenciĝo : 9,30 h. Prezidas : sro. Merchant, prez. de I.C.K.

---

*Sro. Merchant* malfermas la kunsidon je preciza horo kaj sciigas, ke estas enŝovata en la tagordon :

*Parolado de sro. Karl Brauer-Tallinn pri*

*« Racia uzado de Esperanto-Ŝlosiloj ».*

*Sro. Brauer* rekomendas esperantlingvan korespondadon de esperantistoj kun ne-esperantistoj per helpo de « Esperanto-ŝlosiloj ». Esperanto mem estas kvazaŭ antaŭdestinata por tia korespondado pro sia facileco kaj ĉiuj aliaj kvalitoj. Montrante al la publiko tiujn ĉi kvalitojn ni lasas propagandi la lingvon mem. La proponita korespondado unue devas pritrakti pure aferajn temojn kaj poste povos etendiĝi je rekta propagando por Esperanto. Sro. Brauer proponas korespondadon kun eksterlandanoj kaj alilingvanoj kaj tian kun samlingvanoj ne-esperantistoj. Por la lastaj oni ne uzu Esperanton kiel nuran korespond-lingvon, sed uzu nur ekzemplojn por altiri intereson. Li proponas organizi tiun ĉi korespondadon laŭlande pere de la naciaj societoj kaj diskonigas bone pripensitan planon por tio.

*Raporto pri la Lingva Komitato kaj la Akademio.*

*Sro. Merchant* sciigas, ke sro. J. M. Warden-Edinburgo estas elektita kiel nova prezidanto de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio (Aplaŭdo).

*Sro. Warden-Einburgo* dankas pro la honoriga aplaŭdo kaj diras, ke li klopodos sekvi fidele la vojon, kiun iris lia antaŭulo, nia neforgesebla Prof. Th. Cart.

Post mallonga klarigo de la agado de la Lingva Komitato kaj la Esperantista Akademio, laŭ presita raporto, ankoraŭ verkita de Prof. Th. Cart li donas kelkajn konsilojn pri la elparolado de Esperanto. Li aldonas, ke laŭ li nur la komencantoj bezonas tian konsilon kaj gvidon. Klasika restas ĉiam la elparolo laŭ konsilo de Dro. Zamenhof mem pri mezlonga kaj mezlarĝa prononcado de l'vokaloj. Li kredas, ke poloj plej bone elparolas la vokalojn en Esperanto. Li atentigas pri broŝuro de sro. Krysta en Ĉesk. Tesin pri tiu ĉi temo, kiu aperis antaŭ ne longe. Kvankam li ne plene konsentas pri la enhavo, tre li rekomendas la enhavon al studado.

*Sro. Schoofs* aldonas, ke la ĉefa afero estas la metado de la akcentoj, nome de l'tonika akcento kaj de l'apuda akcento.

*Sro. Robertson-Londono* diras, ke oni devas sisteme ekzerci por eviti erarojn.

*Sro. Enthoven-Hago* parolas pri la malfacilaĵoj de elparolo de *r* kaj *l*, precipe por ĥinoj kaj japanoj.

*Sro. Gelfand-Varsovio* triafoje parolas pri sia projekto koncerne son-filmon por kiu estas donitaj al li apartaj 10 minutoj en ĉi tiu kunsido. Li denove parolas malkoncize, tro detale kaj malklare kaj per la enkonduko transpasas la paroltempon. La kunsido plendas per alvokoj kaj malakceptas aŭskulti pli longatempe.

La prezidanto post denova admono pri koncizeco daŭrigas la programon laŭ la presita tagordo.

*Parolado de sro. Kreuz, Direktoro de I.C.K.*

*pri « Kiel propagandi pli efike — Ĉu Esperanto progresas ? »*

Kiam oni komparas la staton de la Esperanto-movado nuntempa kun tiu de la antaŭmilita tempo, oni tuj konstatas la diferencon. Montriĝas, ke la progreso estas grandega, ja superas en kelka rilate tion, kion oni atendis. Pli frue esperantistoj propagandis ĉefe de persono al persono. Tiu ĉi metodo ankoraŭ hodiaŭ estas la plej bona. Propagando ne estu teda, sed interesa. Oni ne propagandu en rondoj, kiuj ne bezonas Esperanton, ĉar ankaŭ tiaj ekzistas. Necese estas, ke oni spirite enpenetrigu la ideon de lingvo internacia ĉe personoj, kiujn oni deziras varbi por Esperanto, ekz. ĉe kolegoj, lernantoj, amikoj, edzinoj ktp., al kiuj oni regule montras aferojn pri Esperanto aŭ al kiuj oni netede parolas pri tio de tempo al tempo. Plej bona metodo estas peresperanta servado. Por propagando en oficialaj rondoj (peticioj a.s.) la bazo devas esti serioze esplorata. Proponoj devas moviĝi en la ideoj de la rondoj petataj. Oni devas labori racie kaj trovi la ĝustan vojon. Ni ne agu en kiu ajn kampo sen sufiĉa preparo kaj profunda studo de la detaloj. Ne la kvanto de laboro, sed la kvalito decidas por la sukceso.

La demando « Ĉu Esperanto progresas » estas ne nur farata de interesitoj, sed precipe de esperantistoj. Por juĝi la situacion, oni devas demandi malnovajn samideanojn. Oni komparu la staton de 1902-1903 aŭ eĉ tiun de 1909. En tiu tempo esperanto estis konsiderita ludobjekto de utopistoj. Hodiaŭ la publiko rekonas Esperanton. Centoj, ja miloj laboras senĉese por la progreso de Esperanto, kiu jam fariĝis grava faktoro en la internacia vivo. Komparu la kreskon de la praktika literaturo en nia lingvo. Ĉiuj simptomoj montras antaŭeniron, eĉ se nur parto de ĉiuj klopodoj sukcesas. La konkludo estas, ke Esperanto vere progresas. Kaj ĝi progresos pli kaj pli, se ni mem havas tiun ĉi konvinkon en ĉiuj niaj laboroj.

*Sro. Merchant* parolas pri spertoj en la propagando en rotari-rondoj kaj pri tiaj en la gazetara kampo. Speco de praktika propagando estos artikoloj pri Krakovo aŭ Polujo en la gazetaro, kiuj certe estos akceptaj, sed kiuj permesas, ke oni citu Esperanton en ili.

*Sro. Münz-Berlin* pledas por tio, ke oni lasu al kiu ajn propagandi en kiu ajn rondo. Ĉefafero estas, ke ICK subtenu la laboron. Oni ne malhelpu la laboron de novuloj.

*Sro. Kreuz* respondas al tio, ke kompreneble estas dezirinde, ke oni laboru en kiom eble plej multaj rondoj, sed ne en kiu ajn sen preparo. Novulojn oni devas observi, ĉu ili laboras taŭge aŭ ne kaj plej bona mezurilo estas la rezultato. Ne estas eble, ke ICK subtenu ĉion. Tiuj, kiuj bezonas helpon, devas sin turni al ĝi.

Por la lasta punkto de la tagordo mankas la oratoro, kiu pro fermo de la landlimo en Germanujo ne povis vojaĝi al la kongreso. *Sro. Schoofs-Antverpeno* legas la manuskripton de

### *Parolado de sro. Dro. Höke-Wuppertal-Elberfeld*
### *pri Stenografio kaj Esperanto.*

La historio de la skribo estas la historio de ĝia simpligo. Per la ĝisnunaj long-skriboj oni povas skribi nur malrapide kompare al la rapideco por paroladoj. La unuajn stenografisistemojn oni kreis por kapti paroladojn. Poste oni kreis aliajn ankaŭ por uzo en la ceteraj skriblaboroj, kiel montras la ĝenerala enkonduko en oficejoj. Ankaŭ dum ĉi tiu epoko stenografio estis konsiderata kiel kompletiga helpilo al la ĝisnuna skribo ordinara. De kelkaj jardekoj kreskis movado, kiu propagandas la uzon de stenografio ankaŭ por la ordinaraj interrilatoj anstataŭ la ĝisnuna ordinara skribo. La ordinara skribo estos uzata nur por dokumenta skribo aŭ eventuale ankoraŭ kiel lego-skribo preslitera. Plej div. sistemoj estis kreitaj por plenumi tiun ĉi celon. La aŭtoro poste elmontras rezultaton rimarkindan pri eksperimento farita je lia 5-jara knabo kun la sistemo « Internacionalstenografio » de Kunovski. Li citas la div. avantaĝojn de la enkonduko de stenografio kiel ĉefskribon. kaj starigas program-tezon pri tio por la lernejo. Pri la demando, ĉu Esperanto devas havi propran stenografi-sistemon, li respondas nee. La esperantistoj devas klopodi pri kreo de internacia stenografio, uzebla por ĉiuj lingvoj kaj por Esperanto.

Diskuto pri la fak-parolado ne okazas pro foresto de la oratoro kaj manko de tempo.

*Sro. Merchant* kun danko al la ĉeestantoj fermas la kunsidon.

Fino : 12,15 h.

---

## FERMA KUNSIDO
### la 8 Aŭgusto 1931 en la Festsalono de la Katolika Domo

Komenciĝo : 10,15 h. Prezidas sro. J. Merchant, prez. de I.C.K.

Kompare al antaŭaj kongresoj la salono estas plen-plena. Multaj samideanoj estas vojaĝ-pretaj. Sufiĉa nombro estas preparita pro forveturi tuj post la tagmezo al Varsovio.

### Rezolucioj
#### *Apertago de Esperanto*

*Sro. Merchant* donas la parolon al *sro. T. Indra-Riga* por prezento de rezolucio pri la aper-tago de Esperanto. La rezolucio tekstas :

La kongreso proponas fiksi la 2 junio, ĉiujare, kiel daton de la apero de Esperanto kaj eluzi ĝin ĉiujare por plej vasta propagando por nia lingvo.

*Sro. Kreuz* aldonas klarige, ke la Ĝenerala Estraro jam okupis sin pri la rezolucio kaj rekomendas ĝin al aprobo. La dato estas la tago, je kiu la rusa cenzuristo donis permeson pri publikigo de la unua libro de Esperanto. Alia aperdato ne estas facile konstatebla. La fikso okazis interkonsente kun la familio Zamenhof.

La rezolucio estas adoptata per aklamo.

#### *Dankesprimoj*

*Sro. Prof. Dro. Canuto-Torino* submetas la sekvantan rezolucion :

La kongreso esprimas sian koregan dankon al la ŝtataj aŭtoritatoj de Polujo, al la urbaj institucioj de Krakovo kaj al la gazetaro de la lando, kiuj bonvolis tiom efike subteni la laboron de la kongreso kaj per tio certigi ĝian sukceson. Ĝi ankaŭ esprimas sian rekonemon al la afabla kaj gastama loĝantaro de Krakovo pro la simpatia akcepto.

Akceptita kun aklamo.

*Sro. Kreuz* konigas la sekvantan tekston :

La kongreso esprimas sian dankon kaj plenan rekonon al la administracioj de la belga, ĉeĥoslovaka kaj franca fervojaro, kiu favorigis la kongresanojn per aparta bileta rabato, plue al la direkcio de l'kompanio de marveturado de Belgujo, kiu faris same.

Akceptita kun aplaŭdo.

*Sro. Kreuz* sciigas el karto ĵus ricevita, ke la urbestraro de Amiens (Francujo) baptis novan straton : Strato Zamenhof. (Aplaŭdo).

#### *Solena transdono de honormedaloj de la I.C.K.*

*Sro. Merchant* leviĝas por memorigi la meritojn de ĉiuj samideanoj tra la vasta mondo, kiuj senĉese, ĉiutage, laboras kaj batalas por la nobla ideo de Esperanto. Li informas, ke en la nuna jaro de ICK decidis donaci la honor-medalon de la ICK al sro. Prof. P. Christaller-Stuttgart (Germanujo) kaj al la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig, kies direktoro sro. Prof. Dro. Dietterle modeste malakceptis ĝin ricevi mem. Plua medalo estas transdonata al la familio Zamenhof. (Granda aplaŭdo).

*Sro. Feliks Zamenhof* tre kortuŝite kapablas esprimi nur kelkajn vortojn de danko en la nomo de la tuta familio.

Sro. Merchant nun esprimas la koran dankon de ICK kaj de l'tuta kongreso al al LKK kaj tute speciale al Prof.

Dro. Bujwid, kiel plej modela laboranto por ĉio, al la div. membroj de la komitato kaj ĉiuj, kiuj eĉ estas nenomitaj. Vivu la LKK, vivu Krakovo!

*Sro. Karsch*, vicprezidanto de UEA esprimas sian dankon en la nomo de UEA kaj informas, ke UEA decidis nomi Prof. Dron. Bujwid Honora Membro de UEA. (Aplaŭdo).

Sro. Prof. Dro. Bujwid kun emocia voĉo esprimas sian dankon pro ĉiu honoro kaj rekono. Li petas konservi agrablan memoron kaj forgesi la mankojn. Malfacila estis la tasko de la LKK en tia mizera tempo. Li diras, ke ni ŝuldas dankon al ĉiuj aŭtoritatoj, la urbestraro, la tramdirekcio, la polico ktp. ktp., kiuj ĉiuj helpis al sukceso de la laboro, fine al la kunlaborantoj kaj aparte al sroj. Merchant, Kreuz, Karsch, Jakob, Schoofs kaj la familio Zamenhof. Ankaŭ la Ĉe-kurso estis granda sukceso. Al ĉiuj ni ŝuldas multan dankon.

*Sro. Kreuz* legas telegramon el Varsovio, kie la LKK de l'postkongreso atendas la samideanojn.

*Sro. Ŝapiro* ripetas sian inviton por la postkongreso en Bialistoko.

*Sro. Ŝchoofs* (kiu hodiaŭ festas sian 25 jubileon de Esperanto) dankas al Prof. Bujwid pro la oferema laboro. Li alvokas al kora kunlaboro inter la Naciaj Societoj kaj UEA kaj petas ĉiam memori pri la vorto: Konkordo. Li dankas kaj gratulas al sro. Merchant pro la bonega gvidado de la kunsidoj. Li finas per la voko: Longe vivu Merchant!

*Sro. Merchant* respondas kun danko, ke li kredas en sia profundo, ke Esperanto estas la plej granda donaco de genio al la homaro. Oni enpuŝis min en miajn oficojn kaj honorojn (li diras) sed mi esperas, ke mi ankoraŭ estas simpla ano de la movado. Mia deziro estas, esti justa al ĉiu homo. Esperanto kreskas kaj floras. Mi esperas, ke post via reveno hejmen, vi havos belajn memorojn ne nur en la cerbo, sed ankaŭ en la koro. Parolu pri tio. Esperanto meritas la plej grandan laboron, kiun oni povas fari.

*Sro. Prof. Dro. Bujwid* gratulas al sro. Warden, kiu ĉeestis ĝis nun ĉiujn univ. kongresojn kaj batas rekordon per tio. Li ankaŭ dankesprimas al la samideanoj el malpli proksimaj landoj kiel Japanujo, Usono kaj krome al sro. Joseph R. Scherer.

*Sro. Merchant* dankas al la ICK-anoj, KR kaj UEA pro ilia daŭra kunlaboro. Li krom tio mencias la meritojn de la oficistoj de la movado. Ili estas pagataj, sed ni donas al ili nur la nepre necesan por vivtenado. Admirinda estas la laboro de sro. Kreuz, kiu havas nur unu helpantinon. Li plenumas siajn devojn je la kontenteco de ĉiuj, kiuj lin konas.

*Sro. Kreuz* kortuŝite respondas, ke li faras nur sian devon. Lia unua deziro estas servi. Se li povis fari multon, dankon ankaŭ ŝuldas pro tio tiuj, kiuj kunlaboris en tio. Se kelkafoje li aperas kvazaŭ aŭtomata maŝino, se li kelkfoje devas esti mallonga en respondoj dum la kongreso, tio okazas pro neebleco respondi ĉion detale kaj ripete, ĉar li estas treege okupita. Li tamen ĉiam estas je la dispono de ĉiuj kaj deziras ĉiam laŭeble kontentigi ĉiujn.

*Sro. Hasselbach* dankas en la nomo de la Blindula Kongreso precipe al la LKK kaj ICK pro la donita helpo. Li proponas zorgi, je Esperanto estu enkondukata en ĉiuj blindul-institutoj.

Sub streĉa atento de la kongresanaro suriras la pupitron *sro. Feliks Zamenhof*, frato de nia majstro por diri adiaŭajn kaj admonajn vortojn.

Li diras: Ĝenerala kiam venas al ni gastoj, ni klopodos kontentigi ilin kiel eble plej. Laŭ tio, kion oni aŭdis kaj vidis, oni povas konkludi, ke la gastoj sin sentis bone. Kompreneble me ekzistas iu, kiu povus kontentigi ĉiun. Kritiko bona ĉiam estas bona. Troa optimismo malhelpas. Danĝera tamen estas troa pesimismo. Tiel oni nun daŭre plendas, ke la esperantista organizo ne estas bona, ke la rilatoj ne estas bonaj ktp. Oni deziras reorganizi, ŝanĝi, serĉi « novajn vojojn ». Sed anstataŭ unu ĥaoso oni ne faru du ĥaosojn. Ni ne agu dise, sed kune. Ne ĉiuj vojoj kondukas al Romo, nur la bonaj. Ni bezonas gvidcentron!

Multaj timas, ke Esperanto de tempo al tempo havas novan konkuranton. La ĝisnuna ekzistado de Esperanto pruvis, ke ni ne bezonas timi ion. Esperanto estas bona kaj jam konata tra la mondo. La fideleco al la fundamento de la lingvo gardas kaj ŝirmas ĝin.

Sro. Zamenhof esperas, ke la kongreso donos novan reviglligan ekpuŝon al la movado en Polujo. Li petas, ke la kongresanoj en siaj rememoroj ne metu la polajn samideanojn en la lastan vicon.

La kongresanoj per longa aplaŭdo kvitancas la belajn kaj elkorajn vortojn de sro. Feliks Zamenhof.

*Sro. Merchant* tion faras aparte per kelkaj amikaj vortoj. Post tio li deklaras la kongreson fermita per la voko: Ĝis revido en Parizo, Vivu Esperanto!

La kongresanoj kune kantas la himnon « La Espero » kaj iom post iom disiras.

Fino: 12,10 h.

## INTERNACIA POSTKONGRESO EN VARSOVIO

**9. 8. - 11. 8. 1931**

**(sub la aŭspicioj de ICK)**

### *Soleno ĉe la tombo de Dro. Zamenhof.*

La 9 Aŭgusto, matene je la 11 h. la samideanoj kuniĝis sur la hebrea tombejo ĉe la tombo de Dro. Zamenhof. La soleno komencis per depono de florkrono en la nomo de la postkongreso. Poste sro. Oberotman en la nomo de la Universala Homama Asocio deponis belegan florkronon sur la tombo.

Impresigan enkondukan paroladon faris sro. Leon Belmont. En la nomo de la Juda Komunumo parolis Prezidanto sro. Farbsztejn, en la nomo de la Amikoj de l'Ligo de Nacioj eksministro sro. Lednicki. Sro. Rob. Kreuz per profundaj vortoj riverencis honore en la nomo de ICK kaj de la tuta esperantistaro antaŭ la tombo, kovranta la majstron. Poste sekvis alparoloj de reprezentantoj de 20 nacioj, el kiuj kelkaj parolis kortuŝige. La soleno finiĝis per kanto de la Himno « La Espero ».

### *Malkovro de Memor-tabulo ĉe la Domo de Dro. Zamenhof*

Post la soleno ĉe la tombo ĉiuj postkongresanoj iris al la strato Zamenhof Nº 9, la domo, en kiu Dro. Zamenhof loĝis dum multaj jaroj. Sro. Belmont en la nomo de la Organiza Komitato transdonis la memortabulon al la zorgo de la urbo. Magistratano Dro. Bychowski post tio per kelkaj ceremoniaj vortoj en pola lingvo malkovris la tabulon kun danko al la esperantistoj. La teksto en pola lingvo estas:

> En tiu ĉi domo loĝis Dro. Ludoviko Zamenhof,
> Kreinto de la lingvo internacia Esperanto.

Poste kiel reprezentanto de la I.C.K. Sro. Kreuz direktis impresigajn vortojn tiel al la ĉeestintaj reprezentantoj oficialaj, kiel al la ne-esperantistoj.

Div. plezur-aranĝoj, gvidado, ekskurso ktp. finigis la postkongreson.

## II. INTERNACIA POSTKONGRESO EN BIALISTOKO

**12. 8.-13. 8. 1931**

**(sub la aŭspicioj de ICK)**

*Soleno de Zamenhof-Monumento*

La 12 Aŭgusto je la 11,30 h. okazis soleno ĉe la loko de la estonta monumento antaŭ la komenco de la grandega urba arbaro sur ronda placo ĉe kruĉiĝo de 6 stratoj.

Ĉe alveno de la Vicvojevodo sro. Zawistowski la militista orkestro bonvene ludas marŝon. La vicvojvodo kaj div. aliaj reprezentantoj poste subskribas la dokumenton pri la fundamento-metado. La akto estas arte skribita de grafikisto sro. I. Tynowicki, membro de la organiza komitato, sur pergameno en du lingvoj pola kaj Esperanto. Ĝi tekstas :




*Teksto de la Dokumento:*

« En la vojevoda urbo Bialistoko en la jaro mil naŭcent tridek unua post Kristnasko, de Rtria post revivigo de Sendependa Polujo kaj la kvardek kvara post la apero de la unua lernolibro de lingvo internacia Esperanto, la dekduan de Aŭgusto, kiam la Prezidanto de la Pola Respubliko estis profesoro Ignacy Moscicki, la Unua Marŝalo de Polujo Jozef Pilsudski, la Prezidanto de la Ministraro Aleksandro Prystor, la Vojevodo Bialistoka Marjan Zyndram-Koscialkowski, la Starosto Urba Jan Mieszkowski, la Urba Prezidanto Wincenty Hermanowski, Prezidanto de la Urba Konsilantaro Prof. Roman Mlynski, Prezidanto de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado John Merchant, Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio Eduard Stettler, la Prezidanto de Pollanda Esperanto-Delegitaro Prof. Dro. Odo Bujwid, Ĉefdelegito de Universala Esperanto-Asocio por Pola Teritorio Jakob Ŝapiro, okazis en la ĉeesto de Regnaj Aŭtoritatoj, Reprezentantoj de la Socio kaj eksterlandaj gastoj SOLENA ENTERIGO sur tiu ĉi loko de fundamenta ŝtono sub Monumento por Dro. Ludoviko Zamenhof, kreinto de la Helpa Lingvo Internacia Esperanto, naskiĝinta en la jaro mil okcent kvindeknaŭa en Bialistoko, laŭ projekto de artisto-skulptisto Abrahamo Ostrzega de la ĉefurbo Varsovio ».

Subskriboj : Zawistowski, Vicvojewodo Bialistoka, Jan Mieszkowski, starosta urba, St. Michalowski, starosto distrikta, Inĝ. Wasowski, direktoro de vojevoda oficejo por publikaj laboroj, Dro. Leon Zamenhof, Rob. Kreuz, L.K., direktoro de I.C.K. Ĝenevo, J. Ŝapiro, ĉefdel. de UEA kaj Prez. de Organiza Kom. de Zamenhofa Monumento, Dro. Maksimilano Ziemilski, vicprezidanto de la urbo, Rychter, majoro, Krzyzanowski, kavaleria kapitano, F. Switalski, prezidanto de Financa Ĉambro, Dro. A. Rajdrozki, vicprezidanto de la Urba Konsilantaro.

Poste la *vicvojevodo sro. Zawistowski* de la tribuno faris festan alparolon al la ĉeestantoj, memorante la meritojn de Dro. Zamenhof kaj esprimante la fieron, ke li estis Bialistokano. Ĝuste sur tero pola la monumento rajtas stari kiel simbolo de interkompreniĝo, ĉar tiu ĉi ideo estas vaste adorata en Polujo.

Li finis per la esprimo de deziro, ke al la monumento de Zamenhof, sekvu alia monumento, kreata de la ĉeestantoj mem, per disvastigo de la ideo de Zamenhof por la realigo de plej altaj idealoj de la homaro.

*Sro. vicurbestro Dro. Ziemilski* en la nomo de la urbo esprimis la dankon al la komi dispotato pornigo de tia bela verko al la urbo kaj plue al la eksterlandaj gastoj pro ilia veno al Bialistoko.

*Sro. Rob. Kreuz, direktoro de ICK*, en la nomo de la I.C.K. kaj la esperantistaro esprimis la dankon al la patrolando de Zamenhof, la lokaj aŭtoritatoj kaj al la organiza komitato pro la deca honorigo de la genia aŭtoro de Esperanto.

La vicvojevodo sro. Zawistowski tiam enmasonigis la supre menciitan akton, metitan en duoblan tubon kaj metis la unuan brikon por la fundamentado. Samon faris la reprezentantoj de la urbo kaj de l'ŝtato, Dro. L. Zamenhof kaj F-ino Lidja Zamenhof, sro. Kreuz, direktoro de ICK kaj la div. naciaj delegitoj.

La soleno finis per kanto de la himno « La Espero », akompanita de la orkestro de l'42 Pafista Regimento. La soleno estis tre impresiga kaj forte emociigis ĉiujn, tiel la esperantistojn, kiel la publikon.

Post la tagmanĝo kaj vizito de la naskiĝdomo de Dro. Zamenhof okazis je la 18 h. solena postkongresas kunsido, en kiu prenis la parolon sro. J. Ŝapiro, Sro. Raczynski, vojevoda administracia fakestro, vicurbestro Dro. Ziemilski, sro. Rob. Kreuz, direktoro de ICK kaj Dro. L. Zamenhof.

Sekvis al tio mallongaj salutoj de naciaj reprezentantoj en nacia lingvo kaj en Esperanto.

La postkongreso finis per div. plezur-aranĝoj, ekskursoj ktp. laŭ speciala programo.

# Aktualaĵo por la gazetaro
# Aktivuloj helpu

Internacia Gazetara Komisiono, komisiita de ICK. informas:
Por ebligi kolekton de taŭga dokumentaro pri uzebleco de Esperanto por praktikaj celoj kaj la efikon de la tutmonda organizo de nia movado, ni petas disvastigi tra la gazetaro la sekvantan noton:

*La princlando Liĥtenŝtejno*
*Novaj poŝteldonoj*

«Ĵus aperis novaj oficialaj poŝtkartoj kun interesaj bildoj de la princlando, kiu altiras pli-kaj-pli turistojn al la belegaĵoj de sia teritorio. La dua eldono konsistas el 2 serioj de 10 kartoj po 10 & 20 centimoj kun belegaj bildoj el la lando. La klariga teksto de la karto estas redaktita en germana kaj Esperanto-lingvoj. Per sia dukolora preso ili estas novaĵo en la kampoj de tipografio kaj filatelio. La desegnaĵoj kaj fotoj estas majstra verko de konata viena artisto, Kortega Konsilisto Kosel, kreinto de multaj poŝtmarkeldonoj. Aparte rimarkinda estas la uzo de Esperanto kiel helplingvo, kiun la registaro adoptis jam en 1930 sur alia eldono por sia turisma propagando. Liĥtenŝtejno estas facile atingebla el Svislando, Germanujo, Aŭstrio, Italujo, sed ankaŭ por turistoj el aliaj landoj, per sia situacio ĉe la internacia fervoja linio Parizo-Vieno.
La antaŭe nomitaj kartoj ankaŭ aperis sen bildoj, sed per siaj poŝtmarko-desegnoj restas rimarkindaj.»

Ni petas ĉiujn aktivulojn tuj disvastigi la noton. La titolo povas esti ŝanĝata laŭ la cirkonstancoj. Rekomendinde estas nenion aldoni al la faktoj mem.

*Oni sendu 2 ekzemplerojn de ĉiu gazeto (noto kaj titolpaĝo datum nepre necesa)* al «Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado», 11, rue du Mont-Blanc, Genève (Svislando).

Ĉiun sendaĵon la oficejo de ICK kvitancas per oficiala poŝtkarto de la nomita serio. Por pluraj gazetoj plia(j) karto(j) estas sendataj.
Havigu al vi taŭgan propagandilon per kunhelpo. Estas grave, ke la materialo enhavu represojn el kiel eble plej multaj lingvoj kaj landoj. La Komisiono anticipe dankas kore pro la valora helpo.

# Propagando per Lumbildoj!

Ĉu ekzistas ia organizaĵo, kiu pruntedonas Esperantajn lumbildojn? Ne. Tial estas plej urĝe efektivigi projekton: kolekti interesajn lumbildojn aŭ fotojn el la Esperanta vivo, kiuj montrus la disvastiĝon de nia lingvo en plej diversaj rondoj, medioj, kontinentoj: inter infanoj, japanoj, komercistoj policistoj ktp., bildojn kaj scenojn de kongresoj, monumentoj, foriraj Esperantaj standoj, turistajn kaj sportajn bildojn de Esperantaj faldboatistoj, piedpilkistoj, filmsteloj Esperantaj ktp. ktp.
Estas konata fakto, ke vi sukcesos pli bone, se vi ilustros vian publikan propagandan paroladon per interesaj bildoj el la Esperantista vivo. Ni urĝe kolektas taŭgan materialon, ankaŭ ne tute aktualajn fotojn, por fabrikigi 60-80 lumbildojn (por kiuj ni verkos specialan propagando-paroladon en Esperanto). Tiamaniere ni intencas fondi «migrantan lumbildkolekton», kiun ni pruntedonos al ĉiu serioza propagandisto kontraŭ malalta pago aŭ laŭdezire vendos tutan kolekton al Esperantaj organizaĵoj.
Por efektivigi nian projekton plej baldaŭ, ni petas ĉiujn Esperantistojn kaj Esperantajn organizaĵojn, precipe redakciojn sendi al ni tuj interesajn fotojn el siaj arĥivoj, laŭ kiuj ni farigos lumbildojn, la fotojn ni resendos aŭ aĉetos de vi laŭ interkonsento. Ni deziras fondi internacian arĥivon de Esperantaj lumbildoj kaj servi ĉiujn Ĉe-instruistojn, grupojn, propagandistojn ankoraŭ en tiu ĉi vintro! Tial tuj skribu al ni!! Fratoj Fethke, Bydgoszcz-Polujo, Petersona 12.

# Esperanto per Svisa Radio

La svisaj esperantistoj, kiuj helpis antaŭ sep jaroj la fondon de la Ĝeneva Radio-stacio ricevis publikan dankon ĉe la solena inaŭguro de ĝia nova koncertejo la 28an de Oktobro. La reprezentantoj de l'registaro kaj estraro de Radio-Genève memorigis al kuraĝa komenco kaj bonvenigis D-ron Privat kiel «junan prapatron» de la stacio.
Sed la plej kontentiga rezultato estus la fakto, ke la Esperantokurso de S-ro Paul Bouvier, UEA delegito, ĉiujaŭde je 19 h. 20 vespere farata Radio-Genève, estas de nun prenata kaj dissendita de la potenca svisa stacio en Sottens (Radio-Suisse Romande, 403 m.) kaj tiamaniere aŭdebla en tuta Eŭropo.
Jaŭdon 3 Decembro je sama horo parolis Andreo Ĉe per tiu stacio. Liaj geamikoj en multaj landoj ĝojis lian voĉon.

# Esperanto ĉe Brita Parlamento

Ĉe la malfermo de la Brita Parlamento, la deputitoj diskutis la novan deklaron de la Reĝo kaj speciale la financan problemon (*House of Commons* 11 Novembro 1931). Tiam Sinjoro Winston Churchill, la fama konservativa eksministro, diris: «Mi esperas, ke la registaro iniciatos internacian agadon, organizos konferencon kaj uzos sian tutan influon por instigi la landojn, kiuj amasigis oron, ke ili reebligu, ke ĝi servu al sia funkcio kiel normo de valoroj, aŭ alie, se tio ne estas ebla, ke oni klopodu starigi tion, kion mi emus nomi *ia esperantomonsistemo*, bazita sur la sterlinga funto.»
La uzo de la vorte *Esperanto* por signifi internacian normon estas tre interesa kaj oftiĝas en anglaj ĵurnaloj kaj noveloj lastatempe. Pri la ideo mem, la plimulto de hodiaŭaj esperantistoj jam nescias, ke antaŭ la milito, ĉiuj niaj esp. gazetoj, eldonejoj kaj organizoj uzis la «*spesmilon*», proponitan de D-ro de Saussure kaj valorante dekonon da funto.

# Esperanto-Enciklopedio

En la lastaj jaroj aperis gravaj verkoj en Esperanto: Bibliografio, Plena Vortaro, Andrée, Originala Verkaro de Zamenhof, la verkoj de Remarque kaj aliaj imponaj eldonaĵoj.
La eldonejo *Literatura Mondo* decidis eldoni Esperanto-Enciklopedion, multe bezonatan verkon por Esperantistoj. Ĝi enhavos ĉion gravan pri la movado, historio, literaturo, propagando, gvidantoj ktp. de Esperanto. La verkego, kies bazo estas la valora manuskripto de s-ano I. Ŝirjaev, Ruslando kaj kiun redaktas S-roj V. Bleier, K. Kalocsay kaj L. Kökény, deziras esti modelo por kolektiva kreado per samideanoj el la tuta mondo. Pro tio la redaktoroj alvokas ĉiujn esperantistojn, interesiĝantajn pri tiu ĉi serioza laboro, prezenti siajn opinion, ideon, eĉ artikolojn al la redakcio. Ĉies opinio kaj ideo estas bone esplorata kaj observata por la intereso de la verko La redakcio respondas al ĉiu en aparta fako de Literatura Mondo ekde la numero januaro 1932. Tial invididuan respondon neniu atendu!
Ĉiujn korespondaĵojn sendu al.
Literatura Mondo, Budapest IX. Mester-u, 53. V. 7.

# "Esperanto - ĉambro"
## en granda internacia pedagogia instituto!

Komence de ĉi tiu jaro estas malfermita en Mainz la «Institut für Völkerpädagogik» (Instituto pri pedagogio de ĉiuj nacioj) en la iama «Citadelle». En la instituto estos montrata ĉio, kio koncernas la instruadon en la tuta mondo. Jam 50 ĉambroj estas komplete aranĝitaj; oni instalos ankoraŭ 100 aliajn ĉambrojn. Pedagogoj ĉiulandaj vizitas tiun instituton.
Estos aranĝita speciala «Esperanto-ĉambro». Unuafoje okazas, ke en granda pedagogia instituto estos montrata ĉio, kio koncernas «Esperanton kaj lernejon». La subskribinta ligo estas komisiita de la direktoro de la instituto kompili la materialon por tiu «Esperanto-ĉambro». Por ke ĝi estu vere internacia ni petas ke ĉiuj, kiuj havas taŭgan materialon sendu ĝin al ni. Dezirataj estas Esperanto-lernolibroj kaj — vortaroj en ĉiuj lingvoj, kopioj de dekretoj pri Esperantoinstruado en lernejoj ktp. Se ni ricevos sufiĉe da materialo, la Esperanto-ĉambro jam estos finaranĝita kiel eble plej baldaŭ. Pro tio ni petas: Sendu tuj la materialon. Ni kore dankas.
Sudokcidentgermana Esperanto-Ligo. Wiesbaden (Germanujo) Walkmühlstr. 25.

# Al la Esperanto Gazetaro

La *Internacia Scienca Asocio* ĵus publikigis broŝuron entenantan la *Sciencan Fundamenton*, aperintan laŭ sinsekvaj partoj en ĝia Bulteno dum la lastaj monatoj.

Tiu 100-paĝa broŝuro enhavas tekston, kiu prezentas elementan didaktikan resumon de la matematikaj, fizikaj kaj naturaj sciencoj, kun laŭalfabeta tabelo de la vortoj.

Pro ilia malgranda nombro (nur 100), ni ne povas sendi ekzemplerojn por recenzo; pro la sama motivo la samideanoj, kiuj dezirus aĉeti tiun verkon, ne prokrastu mendi ĝin al S-ro ROUSSEAU, 2, rue Alfred de Vigny, Bécon-les-Bruyères (Seine) France, sendante samtempe la prezon, t.e. 1 dolaron aŭ samvaloran sumon. *I.S.A.E.*

# Oni dankas

*** S-ino Rivière el Toulon Anino 31479 dankas kore al S-ro Marseille, ĉefdelegito en Paris por plenumita servo kaj al S-ro Zimmermann, D en Colmar por afabla akcepto kaj gvido.

*** S-ro G. Baire, Delegito & honora membro en Boulogne-sur-mer dankas: Srojn E. Wynisstorf, delegito, E. Müller & Sam. Moser, en Zürich; — Srojn Bassi, en Lugano; — Pedrazzini, en Locarno; & Stroele, en Neuchâtel, pro gravaj servoj faritaj dum vojaĝo.

*** S-ro E. Rytemberg, VD en Warszawa, plej kore dankas al S-roj Link kaj Braun en Heidelberg, S-ron Jos. Graef kaj fianĉinon en München, F-inojn Anny Lich, Grete Kellermann kaj Dora Hostowsky S-ron Ĉefdelegiton Bernfeld, S-ron Hovorka en Wien pro granda helpo kaj samideana afableco dum vojaĝo.

*** D-ro Walter Lippmann, Leipzig, dankas al la delegitoj de UEA S-ro Stevan Vidak, Novisad, David Kremer, Košice, Paŭlo Balkanyi, Budapest, J. Ŝapiro, Bialystok, D-ro Isajo Fragner, Wisnicz por tre utilaj informoj kaj precipe al S-ro Wiemers en Norderney, posedanto de du bonegaj pensionejoj, pro liavera samideana afableco kaj amika konduto, kiuj multe plibeligis la ferian restadon en la fama banloko de la Norda Maro.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro *Friedrich Meyer*, Delegito en Frauenstein, Erzgebirge, German. Nov. 1931.

D-ro *Alfred Groljahn*, ano de UEA 29350 en Berlin.

F-ino *Priscilla Hannah Peckover*, Wisbech, Anglujo, 8.9.31., dumviva membro de UEA kaj de la B.E.A., malavare subtenis nian kaj multajn aliajn movadojn. Grandaparte al ŝi ni ŝuldas la eldonon de la Biblio en Esperanto.

S-ro *Stanislav Tomich*, kroata samideano malnova ano de UEA, 8.5.1930 en San Francisco de Anzolo, Ekvadoro.

S-ino *Ljubica Trkulja*, edzino de S-ro Danilo Trkulja, ano de UEA en Mostar, Jugoslavio, 4.11.31.

S-ro *V. Didrihson*, Dumviva ano 119, en Odessa, laŭ reveno de l'revuo Novembro 1931.

S-ro *A. W. T. Berkley*, Ano 15831 en London, 3.6.31.

S-ro *C. P. Blackham*, Ano 11244 en London, 19.7.31.

S-ro *Maito*, Ano de UEA en Shanghai Aŭgusto 1931.

S-ro *Ečeno S. Cian*, aŭtoro de esperanto-lernolibroj por ĉinoj, Aŭgusto 1931.

*Sinceran kunsenton!*



# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj.*

*Aix-en-Provence* (Francujo). — Profesoro Giraud. Avenue Pasteur, Les Tilleuls, nur pri senlaboreco k.ĉ.l.

*Arad* (Ruman.). — S-ro Ludoviko R. Szilagyi, Str. Miron Costin 7, PM. nur eŭropajn kun seriozaj filatelistoj, bazo Michel aŭ Yvert 1932 sed ne malpli 15-20 Rmk aŭ 90-120 fr. Fr. Sendu rekomendite.

*Antverpeno-Berchem* (Belgujo). — S-ro R. Torremans, Amethiststr. 13 : PI. kaj 50, 100 PM. kontraŭ la sama kvanto k.ĉ.l.

*Barcelona* (Hispan.). — S-ro E. Gorgues, Laforja 12, PI., bfl.

*Buenos Aires* (Argentino). — S-ro Rodolfo G. Bosch, str. Estados Unidos 2540, PI., bfl., k.ĉ.l., akurate kaj nepre respondos.

*Bydgoszcz* (Polujo). — S-ro Jan Radzimski, str. Zygmunta Augusta 20-5 kun gejunuloj ĉiulandaj. PI. pri sporto naturo k. turismo.

*Graz* (Aŭstrio). — S-ro Hubert Reinisch, Grazbachgasse 11, PI. bfl., fotojn k.ĉ.l. Angle, Esperante France, prefere kun junaj f-inoj.

*Halle a.S.* (Germanujo). — Franz Pfeiffer, fervojisto, Königstr. 57 III. L. PI. k.ĉ.l.

*Hester* (West. Australia). — S-ro H. G. Walker, Post Office. PI. vidaĵoj de ĉefurboj, k.ĉ.l. PM. Aŭstraliajn kontraŭ aliaj de ĉl.

*Kalgoorlie* (West. Australia). — F-ino E. Marshall, Campbell Str. L. kaj PI. k.ĉ.l. tute ne deziras interŝanĝi PM.

*Lodz* (Pollando). — S-ro M. Pasamonik, str. Nowomiejska 26, PI., k.ĉ.l. nepre resp.

*Praha XIX*. — S-ro Inĝ. Fr. Schneider, Podbabska 1426, PM., nur eŭropajn. Ankaŭ aĉetas.

*Rostock* (German.). — S-ro S. A. Zdansky, Leonhardtstr. 19, PM. kun tuta mondo. Ne sendas unue, sed resp. kaj sendas ĉiam.

*Schwerin* (German.). — S-ro Heino Hirsch, hebreo, Grüne Strasse 10, L., PK., kun kredantoj pri ĉiu temo k.ĉ.l.

*Skara* (Sved.). — S-ro Gustav Nejquist, Box 80, PI., L., Fot-ajoj.

*Sofia* (Bulgar.). — S-ro Cvetko Ivanov, Bul. Ferdinando I., L., PI. pri vivo kaj Esp. movado en ĉiuj landoj.

*Takaoka* (Japan). — S-ro Naoni Rokuse Hjakuŝjo-maĉi 3, Tojama-Ken PI., L., bfl., k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Trieste* (Italio). — S-ro Antonio Cosma, Via Angelo Emo 11, PM. laŭ Yvert.

*Viipuri* (Finnlando). — S-ro Veikko Loikas, Linnankatu 8, PM. k.ĉ.l.

*Zeltini* (Latvio). — Sro Antons Lazdinŝ, « Kropas ». PI., bfl., k.ĉ.l.

*Zeltini* (Latvio). — S-ro Karlis Zvaigzne « Ziemeli », PI., bfl., k.ĉ.l.



# Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Ĉu estas la kapitalo ?* — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Filatelistoj.* — Mi aĉetos aŭ interŝanĝos viajn kromajn poŝtmarkojn kontraŭ kovertoj aerpoŝtaj. Neniu kvanto tro granda aŭ tro eta. Mi aĉetas, vendas aŭ interŝanĝas. Ano Asocio de Filatelistaj Amerikanoj. Frank Herget, 553 Suffolk St., Buffalo, N.Y., USA.

*Filatelistoj.* — Italiajn P.M. mi sendas por sama kvanto el via Lando; ne sendas unue. Enrico Bocciardo, Corso Torino 28-II Genova (Italia).

*Libertempo.* — Kiu hungaro interŝanĝus kun mi la loĝlokon dum la venonta somero ? Mi estas 17 jara, studento kaj volas pliperfektiĝi en la hungara lingvo. Skribu al : Max Rudolf Frey, Wien VIII. Alsestrasse 63*a*, Aŭstrio.

*Presagentejo* serĉas eksterlandajn korespondistojn kaj kunlaborantojn. Proponojn sendu al G. Keet, Rijklof van Goensstraat 53 Hago, Nederlando.

*Senlaboreco.* — Kaŭzoj ? Efikoj ? Kontraŭstariloj ? Agado de politikuloj ? de privatuloj ? Granda en via lando ? Kiom da senlaboruloj ? Kiel vivas ties familioj ? Skribu al Giraud, Ave. Pasteur, Les Tilleuls, Aix-en-Provence, Francujo.

*Slavek-adressanĝon.* — Bonvolu noti al si mian novan adreson : Praha XI, Wiclifova čp. 1724. Československo.

# Nun estas tempo aĉeti librojn ! -- Grava Prezo-Malaltigo !

## SCIENCAJ VERKOJ

*Bennemann, Paul, Esperanto-Handwörterbuch. I. Teil:* Esperanto Deutsch. Bindita ... 3.50
— — *II. Teil:* Deutsch-Esperanto. Bindita ... 6.50

*Trögel, Robert, Vom Kultur- und Bildungswert des Esperanto.* Zehn erziehungswissenschaftliche Aufsätze. Broŝ. 1.50

*Wüster, Eugen, Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana. I-a parto.* (Literoj A-Ĉ (ĉerizo)). Broŝurita ... 15.—
— — *II-a parto.* (Esperantologiaj principoj A. B. Literoj C (ĉerko) –F (folio)). Broŝurita ... 15.—
— — *III-a parto* (Esperantologiaj principoj C. D. E. Literoj F (folio) –I (iri)). Broŝurita ... 15.—
— — *IV-a parto.* Literoj I (iri) – K (korno). Broŝurita ... 15.—
— — *Unua volumo.* Enhavo : Antaŭparolo. Aranĝo de la vortaro. Esperantologiaj principoj (66 paĝoj). Vortaro : Literoj A-J (432 paĝoj). Leda duonbindaĵo. 50.—
— — Leda duonbindaĵo por la Unua volumo aparte ... 3.50
— *Maŝinfaka Esperanto-Vortaro prielementa.* (La maŝinelementoj ; maŝinoj ; plej gravaj esprimoj el la konstrukciado kaj teknologio.)
Deutsche Ausgabe (Esperanto-Deutsch und Deutsch-Esperanto mit Zahlenverweisen) ... 1.—
— *Zamenhof-Radikaro* kun derivaĵoj kaj fontindikoj. Broŝurita ... 2.50

*Zamenhof, Dr. L. L., Originala Verkaro.* Antaŭparoloj. Gazetartikoloj. Traktaĵoj. Paroladoj. Leteroj. Poemoj. Kolektitaj kaj ordigitaj de *prof. d-ro Dietterle.* Kun 6 faksimilaĵoj kaj portreto de L. L. Zamenhof. Luksa tolbindaĵo ... 10.—

## INSTRUAJ VERKOJ
### (Lernolibroj, Vortaroj kaj Muziko)

*Bennemann, Paul, Internacia Kantaro.* Kolekto de 139 popolaj kantoj el 55 landoj, 7 esperantaj kantoj, rondkantoj, kantsalutoj kaj 3 famaj koncertarioj.
*Tekstaro* (16a-20 milo). Broŝurita 1.50
— — *Muzika eldono.* (4a-6a milo). Broŝurita 4.50

*Bennemann, Paul, Tra la mondo.* Internacia legolibro. *I-a parto:* Por komencantoj. Kun multaj bildoj kaj muziknotoj. Kart. ... 1.50
— — *II-a parto:* Por progesintoj. Kun aldono de 4 kompanaĵoj 2.20

*Casari-Schreibenreiter, Esperanto-Lehr- und Lesebuch für Österr. Hauptschulen u. f. d. unteren Klassen der Mittelschulen.* Staatlich approbiert. I. Teil : Unterstufe 1.50

*Degen, Arthur.* Kleines Lehrbuch auch für Selbstunterricht. 16.-20. Tausend. 0.50
— *Esperanto-Lernolibro por popollernejoj. Laŭ rekta metodo. Unua parto:* Unua — dua lernjaro. Kun 42 bildoj. 2.—

*Dietterle, Joh., Esperanto:*
I. Sprachlehre. Kart. ... 0.50
II. Uebungsstoff. Kart. ... 0.50
— — Wörterverzeichnis dazu ... 0.40

*Goldschmidt, Thora, Bildotabuloj por la instruado de Esperanto.* 36 bildoj kun klariganta teksto, ktp. Tria eldono. Kart. 3.50 ... 4.—

*Hirts Esperanto-Taschenwörterbuch.* Esperanto-Deutsch und Deutsch-Esperanto. Für den tägl. Gebrauch zusammengestellt und bearb. von *A. Degen* u.*B. Kötz.* 21.—30. milo Kart. ... 1.—

*Kreuz, Robert, Esperanto in Handel und Verkehr.* Ĉiutaga kaj komercista frazaro. Komerca korespondado. Varolisto. Komerca vortaro. Gramatiko. Esperanta-Germana. Kart. RM. ... 1.

*Lippmann, Walter, Dr. Zamenhofs sprachliche Gutachten* – Lingvaj Respondoj - in deutsch. Bearbeitung mit Ergänzungen u. Erläuterungen. Kart. ... 1.50

*Stark, Emil, Elementar-Lehrbuch d. Esperantosprache.* 8. durchges. Aufl. Kart. 1.50

*Streidt, Georg, Esperanto-Lehrbuch für Volks- und Mittelschulen.* In zwei Teilen mit 30 Bildern.
Teil I : Unterstufe. 7., durchgesehene Auflage. Kart. ... 0.80
Teil II : Oberstufe. 2. durchgesehene Auflage. Kart. ... 0.80

## BELETRISTIKO

*Delsudo kaj Laiho, Aŭstralio. Lando kaj popolo.* 31 ilustraĵoj, 1 landkarto. Luksa tolbindaĵo ... 4.20

*Dietterle, Prof. Dr. Joh., Zur Rechtfertigung des Esperanto gegenüber seinen Kritikern.* Broŝ. ... 0.25

*Dietterle, La Vendreda Klubo.* 11 diversaj originalaj artikoloj verkitaj de la « Vendredoklubanoj » en Leipzig. Broŝ. 1.50

*Forge, Jean, Abismoj.* Romano originale verkita. Broŝ. 1.75. Bind. ... 2.75
— *Saltego trans jarmiloj.* Romano originale verkita. Bindita ... 2.75

*Hankel, Marie. Sableroj.* Originalaj poeziaĵoj kaj prozaĵoj. Broŝ. ... 0.30

*Luyken, H. A., Stranga Heredaĵo.* Romano originale verkita. Broŝ. 3. Bind.. 4.—
— *Pro Iŝtar.* Romano el la antikva Babela historio. Originale verkita. Bind. 4.—

*Privat, D-ro Edmond, Historio de la lingvo Esperanto. Unua parto:* Deveno kaj komenco 1887 ĝis 1900. Kart. ... 1.60
— — Tole bind. ... 2.50
— — *Dua parto:* La movado 1900 ĝis 1927. Tole bind. ... 6.—
— *Vivo de Zamenhof.* Kart. 2.50 Bind. 3.50

*Raimund, Ferdinand, La Malŝparulo.* Originala sorĉfabelo en tri aktoj. El la germana lingvo ... 1.—

*Steche, Dr. phil., Albert, Speisekarte.* Deutsch-Esperanto. Broŝ. ... 0.25

*Völkerbund. Esperanto als internationale Hilfssprache.* Bericht des Generalsekretariats des Völkerbundes ... 0.25

*Wagnalls, Mabel, Palaco de Danĝero.* (Rakonto pri Madame la Pompadour). El la angla originalo tradukis *Edward S. Payson.* Luksa tolbindaĵo ... 4.—

### Internacia Mondliteraturo

*Ĉiu volumo estas kartonita en arta kovrilo. Formato 15 × 19 cm. Prezo po volumo: RM 0.80. Duobla volumo: RM 1.60. Kvin sinsekvaj volumoj (1—5 ktp.) tole bindîtaj* ... RM 4.—

Vol. 1. *Goethe, J. W. v., Hermano kaj Doroteo.* Eposo idilia. El la germana originalo.

Vol. 2. *Niemojewski, A., Legendoj.* El la pola originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Tentistoj. Majlaĥ. Admono, Du disciploj.

Vol. 3. *Turgenev, I. S., Elektitaj noveloj.* El la rusa originalo. Enhavo : Antaŭparolo Mumu. Beĵin-Herbejo. Poemetoj en prozo.

Vol. 4. *Raabe, Wilhelm, La nigra galero.* El la germana originalo. Dua eldono.

Vol. 5. *Hildebrand, El la « Camera Obscura ».* El la holanda originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Anĉjo la ĉasisto. La maljunulejano rakontas sian historion. Malnova konato.

Vol. 6. *Irving, Washington, El la skizlibro.* El la angla originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Rip van Winkle. La fleraĵo de la vilaĝo. La fantoma fianĉo. La kampara preĝo.

Vol. 7. *Chamisso, Adalberto de, La mirinda historio de Petro Schlemihl.* El la germana originalo.

Vol. 8. *Stamatov, G. P., Nuntempaj rakontoj.* El la bulgara originalo.
Enhavo : Vilao apud la maro. En la tombejo. La estinteco. Pri unu anguleto de l'animo. Du talentoj.

Vol. 9. *Ŝalom-Aleĥem, Perec, Hebreaj rakontoj.* El la hebreaj originaloj.
Enhavo : Antaŭparolo. *Ŝalom-Aleĥem:* La miraklo de « Hoŝano rabo ». Ne estas feliĉo. Rabĉik. La trezoro. Legendo pri la kreado de l'virino, Aforismoj. k.a.

Vol. 10. *Puŝkin, A. S., Tri noveloj.* El la rusa originalo. Enhavo : Antaŭparolo. Pikreĝino. Neĝblovado. La pafo.

Vol. 11-12. *Ariŝima, T., Deklaracio.* Romano. El la japana originalo.

Vol. 13. *Poe, Edgar Allen Ses noveloj* el « Rakontoj de Mistero kaj Imago ». El la angla originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Liĝeja. La ovala portreto. La barelo da Amontilado. Kelkaj vortoj kun mumio. La homo, kiu troviĝis eluzita. La silento — Fabelo.

Vol. 14. *Balzac, Honoré de, La firmo de la kato, kiu pikludas.* El la franca originalo.

Vol. 15. *Doroŝeviĉ, Vlas, Orientaj fabeloj.* El la rusa originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. La fabelo pri fabelo. La kalifo kaj la krimulino. Kiel de Hasan falis la pantalono. La malĝuste trafitaj kalkanoj. Historio de porko.

Vol. 16. *Sienkiewicz, Henryk, Noveloj.* El la pola originalo.
Enhavo : Henryk Sienkiewicz. Lux in tenebris lucet. La maljuna servisto. Dioklo. Estu benita (Hinda legendo). La anĝelo.

Vol. 17. *Strindberg, August, Insulo de feliĉuloj.* El la sveda originalo.

Vol. 18. *Bertrana Prudenci, Barbaraj prozaĵoj.* El la kataluna originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. La forlasita vojo. La kabanoj de la karbfaristoj. La kamenoj de la gastejoj. Josafat.

Vol. 19. *Simunoviĉ, Dinko, Ano de l'ringludo.* El la kroata originalo.

Vol. 20. *Eekhoud, Georges, Servokapabla ! Marcus Tybout.* El la franca originalo.

Vol. 21. *Sadoveanu, Mihail, Nobela peko.* El la rumana originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Nobela peko. En arbaro Petriŝor. La sciigantoj.

**RM 1.— = 10/42 USA-dolaroj =1,25 sv. fr. Liverebleco kaj prezoŝanĝoj estas rezervataj.**

***Mendojn akceptas ĉiulandaj Esperanto-librejoj kaj la libroservo de UEA***

**ELDONEJO FERDINAND HIRT & SOHN, ESPERANTO-FAKO, LEIPZIG C 1 Salomonstr. 15**

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE — 871-12-31